2.ª Ep. AÑO VIII N.º 43 (179) MAYO - JUNIO 1970




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# ANTAŬ 50 JAROJ

EMILIO GASTON

KARL BARTEL

La du pioniroj de la helpo al la aŭstraj infanoj.

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.º
MADRID-8
Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## deziras korespondi...

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Polŝt ĉp 47, Miletin, okres Jiĉin, S-ro Stanislav Kareŝ 25 jaraĝa, agrikulturisto, deziras korespondi kun esperantistoj de ekstereŭropaj kaj okcidentaj landoj. Ankaŭ deziras korespondantojn por geanoj de Esperanto-Klubo "Bukedo".

JUGOSLAVIO. — Ljubljana, Podrozniŝka 7/Sotlar, S-ro Tomiĉeviĉ Dragan, geologa studento deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj.

BRITUJO. — Brisbane Q'Land Aust., 100 Victoria Street Off Gregory Ter 4000, F-ino Violet Yowe, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

RUMANUJO. — Brasov, Str. Dupá Iniste 44. S-ro Vajda Johano, 19 jaraĝa deziras korespondi pri junularaj temoj de la ĉiutaga vivo kun hispanaj esperantistoj, li deziras havi hispanan korespondamikon.

RUMANUJO. — Brasov, Str. Aurel Vlaicu 78, S-ro Ludoviko Csata, 19 jaraĝa, deziras korespondi pri muziko, turismo kaj aliaj ĝeneralaĵoj kun hispanaj esperantistoj.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Hodonin, S. K. Neumanna 37, S-ro Vládá Hasala, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

JUGOSLAVIO. — Beograd, Cvijiĉeva 84-a, S-ro Ranko Gavranoviĉ, 25 jaraĝa, Filologa Fakultato kaj F-ino Brankica Gavranoviĉ 20 jaraĝa, studentino deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

SVEDUJO. — Mölndal, Äbybergsgatan 32, S-ro Arne Bengtsson, 51 jaraĝa laboristo deziras korespondi kun hispaninoj pri ĉiuj temoj, precipe literaturo kaj interŝanĝi bildkartojn.

POLLANDO. — Gdansk-1, poŝtfako 254, Mara Esperanto-Rondo deziras korespondantojn por siaj membroj, kiuj estas iel ligitaj kun la maro per sia laboro aŭ hobioj.

Mendu jam:
Afiŝojn de la 30-a H.E.K., 10 ptoj. unuo.
Poŝtkartojn de la 30-a H.E.K., 3 ptoj. unuo.
Glumarkojn de la 30-a H.E.K., folieto ses glum., 3 ptoj.
Glumarkojn de la 55-a U.K., folieto dek glum., 10 ptoj.
Poŝtkartojn de S.I.A., deko, 10 ptoj.
Kovertojn kun teksto: Esperanto, Internacia Lingvo aŭ Esperanto La Lengua Internacional, deko, 5 ptoj.
Esperanto-insignojn, glueblajn, rondajn, ovalajn kaj stelformajn, 10 ptoj. unuo.
Esperanto-insignojn, pinglajn kaj butonajn, rondajn kaj stelformajn, 8 ptoj. unuo.



## NE PLU INTER NI

# Francesc Vilà Costa

S-ro Francesc Vilá subite mortis!!!

Estis tiel profunda mia bedaŭro kiam mi aŭdis tiun sciigon, ke mi, preskaŭ ne sukcesis esprimi mian senton pere de vortoj. Sed nun, post tiuj unuaj momentoj de intensa emocio, mi pensas ke, pri S-ro Vilá, nia esperantista poeto, vera kavaliro de la Zamenhofa idealo, oni povas diri ke li ne mortis, ĉar, lia verkaro restas, kaj, en ĝi, la spirito de nia elstara samideano, kies forpaso profunde kortuŝos al ĉiuj esperantistoj konantaj lin; kiuj scias ke ili perdis amikon, kiu dum sia vivo estis bona por ĉiuj.

.............................................................

Kiu scias danki kaj reciproki la ricevitan bonon, ĝuas la plej grandan trezoron donitan de Dio al la virta viro: lia konscienco restas trankvila.

Kiu en la mondo sciis ami, daŭre amos kiam li estos en la Cielo; pli forte, ĉar lia amo estos parto de la Superega Bono. Ni dediĉu al li penson de amo, por juste lin reciproki je la alveno en la Finon de la virta irado.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

---

Kiel postmorta omaĝo al nia kara forpasinto, mi publikas la poemon "MIA KANTO", kiun li dediĉis al D-ro Zamenhof, kaj, per kiu li atingis Honoran Mencion en la Internacia Konkurso organizita de H.E.F., en 1964, okaze de nia Jubilea Kongreso.

# MIA KANTO

*Al Doktoro Zamenhof*

Ho Majstro plej kara! Jen mia sopiro,
susuro kaŝita por kanti jam preta.
Ĝi movas la kordojn de mia la liro
kaj flugas plej supren kun sento poeta.

Kun sento spirita, profunda kaj inda,
denove poemo por Vi nun sonoras.
Se l' mond' estas surda, kruela kaj blinda,
ankoraŭ printempe la rozoj refloras.

Ankoraŭ nin kisas la suno belhela,
plej luma trezoro sur blua ĉielo.
Ankoraŭ laboras abelo fidela;
per ĝi flornektaro fariĝas mielo.

Ankoraŭ ridetas infanoj, knabinoj
kaj montoj kaj steloj, riveroj kaj maro.
Ankoraŭ ne mortis fervoraj inklinoj
por iam ni vivi en plena frataro.

Ankoraŭ ĝojigas birdaro kantanta
libere sur arboj —animo-regalo—
Ankoraŭ, ho Majstro, per lingv' Esperanta
flamiĝas la koroj de puridealo.

Se homoj suferis tutmondan militon
dufoje, terure, pro sento plej krima,
fidele, nelace, ni sekvas l' inviton
nin ami tutmonde en ĝojo anima.

Semanto de paco, al fratoj pensante,
Vi multe laboris, Vi multe suferis.
La Sorto celita de vi forkurante
ja Vin ne lacigis, Vi ĉiam esperis!

Vi venkis, ho Majstro! L' Estont' estas via!
La homoj forpasas ĉar ombroj ni estas,
sed, tamen, per via elpenso genia
en gloro de l' mondo por ĉiam Vi restas.

*Francesc VILA*

## Ernfrid kaj Linnea Malmgren

Post apero de lasta numero de BOLETIN, la Universala Esperanto-Asocio suferis gravan perdon: S-ro Ernfrid Malmgren, Honora Prezidanto de la Asocio, mortis la 28-an de Marto, post longa malsano; la sciigo estis pli emociiga, ĉar samtempe ni estis informitaj ke la saman tagon ankaŭ forpasis S-ino Linnea Malmgren...

Pri la elstara personeco de S-ro Malmgren kaj la sindonemo de ambaŭ geedzoj al nia movado, ne estas necese ke ni parolu ĉar li estis de ĉiuj konata, krome ampleksa nekrologo aperos en la revuo ESPERANTO, sed ni ne nur informas niajn legantojn pri la neevitebla perdo, sed deziras esprimi al U.E.A. nian plej sinceran kondolencon nome de Hispana Esperanto Federacio.

PACAN RIPOZON AL ILI!!!

---

## Ada Hackl

Pasintan aprilon forpasis en Graz (Aŭstrio) la veterana esperantistino S-ino Ada Hackl; ŝi kun sia edzo, Kolonelo Karl Hackl gvidis Esperanto-kursojn por la aŭstraj infanoj, kiuj venis al Hispanujo post la unua mondmilito. Tutcerte la malnovaj esperantistoj de Tarrasa bone rememoras tiun samideaninon, kiu radiis simpation kaj sindonemon. Ŝi akompanis la unuan transporton de infanoj alvenintaj por Tarrasa en Hispanujon.

Al familio Hackl kaj al la Esperanto-Grupo de Graz ni sendas la esprimon de nia sincera kondolenco.

ŜI PACE RIPOZU!!!

---

## Saldanha J. Carreira

Kun granda surprizo ni konis la malĝojigan sciigon: S-ro Saldanha Carreira, mortis pro trafik-akcidento, pasintan februaron, en Lisboa (Portugalujo).

Esperantisto de 1913, li senlace aktivis en la Esperanto-movado kaj de ĉiam multe kunlaboris kun la hispanaj esperantistoj; lastatempe estis kunlaboranto en BOLETIN, kie liaj artikoloj estis legataj de ĉiuj kun vera intereso. Malgraŭ sia alta aĝo, li restis fidela al nia lingvo kaj idalo. En la Internacia Konkurso organizita de H.E.F. okaze de nia Jubilea Kongreso en la jaro 1964, li atingis Honoran Mencion por sia prozaĵo Ĉu Fantazio?

Li estis la unua esperantista oficiro, kiu havis la permeson uzi la Esperanto-distingilojn sur sia maniko, en 1917.

Mi estas certa ke ĉiuj hispanaj esperantistoj kondolencos pro la morto de la kara amiko.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

---

## José Canaleta

Ĵus ni ricevis informon pri forpaso de nia samideano S-ro José Canaleta de Santa Coloma de Farnés. La sciigo surprizis nin ĉar ni sciis nenion pri lia malsano.

KE LI PACE RIPOZU!!!

Al lia familio nian plej sinceran kondolencon.

# KUNIGU PROGRESON KAJ TRADICION 

*Festu la Majan Vendredon*
*kunigu progreson kaj tradicion*

Tiuj du versoj apartenas al la himno kiun oni kantas en Jaca (Ĥaka) la unuan vendredon de majo, kiam oni solene festas la faman datrevenon de heroaĵo rakontata de generacio al generacio, kaj kies realajn informojn ni povas trovi en la historio de Jaca, de la VIII-a jarcento, kiu tiom efikis por Aragón kaj kies rekonkero kulminis en Granada.

Pri tiu heroaĵo la tradicio diras al ni —proksimume— la jenon:

Kvar maŭraj reĝoj komandantaj 60.000 mahometanojn venis de Navarra por realmiliti Jaca-n. La Grafo Don Aznar decidis aliri al la malamiko, kun ĉiuj viroj kapablaj batali, kaj tiel, li sin ĵetis heroe en la maŭran militistaron, proksime de Jaca, ĉe la kuniĝo de la riveroj Gas kaj Aragón, kvankam la aznaranoj estis unu kontraŭ cent. Malgraŭ sia kuraĝego kaj heroeco, la kristanoj, pro maŭra amasego estis ekvenkataj; kurieroj iris en la urbon por diskonigi la bataldisvolviĝon. La virinoj de la urbo decidis alkuri al la batalkampo por morti kun siaj patroj, edzoj, fratoj, parencoj kaj amikoj, kaj blanke vestite, amase sin direktis en la batalejon. La kristanoj rekuraĝiĝis pro la feliĉa helpo de tiu nekonata militistaro alvenanta; la maŭroj malkuraĝiĝis timante ke estas franca helpo la blanka militistaro... Samtempe, nubegoj disŝiriĝis fulme, tondre, pluvege... la riveroj elbordiĝis kaj iliaj fluoj fortrenis la teruritajn maŭrojn.

Ĉi tiun okazintaĵon festas la Jaca-anoj, ĉiujare, la unuan vendredon de majo, organizante paradon kiu rememorigas ĝin.

La parado eliras el la Urbodomo kaj defilas ĝis la ermitejo de la Venko-Virgulino, kie oni celebras la tradician meson por la mortintoj dum la batalo.

Tiuokaze, la urbo sin vestas per siaj plej belaj ornamaĵoj, la etoso estas ja festa, la sonoriloj gajigas ĝin. La popolo avida admiri la paradon lokas sin laŭlonge de la trairota vojo; ĉiuj deziras koni tiun, kiu reprezentos la Grafon Don Aznar, la Sindikon, la standardistinon... Intertempe alvenas la gekamparanoj kaj gemetiistoj vestite per siaj okulfrapaj kostumoj; la pompo de la militistoj kolorigas kaj eminentigas la feston. Ĉiuj defilas vigle, kuraĝe; la kamparanoj kaj la metiistoj pafadas per siaj pafiloj ŝargitaj per pulvo dum la devigaj ceremonioj en la avenuo, antaŭ la Katedralo, kaj finiĝas la parado antaŭ la Urbodomo, kie oni kantas la Himnon de la Unua Maja Vendredo; granda estas la entuziasmo, la popolo kantadas la himnon, kiu rememorigas la belaĵojn per kiuj Dio naturdotis tiun privilegian teron, la kuraĝon de ĝiaj loĝantoj... Tondraj aplaŭdoj finas la prezentadon... la festo daŭras en la koro de ĉiuj Jaca-anoj, kiuj bone scias kunigi Progreson kun Tradicio.

## *IIª FRANCA-HISPANA ESPERANTO RENKONTIĜO* 

*okazonta en Jaca (Ĥaka) de la 27-a ĝis la 29-a junio 1970*

Por la bona sukcesigo de la aranĝoj, ni petas ke ĉiuj partoprenontoj en la Renkontiĝo, bonvolu sendi sian aliĝon kaj monon, ne pli malfrue ol la 15-an de junio.

Ni ne garantias loĝadon, partoprenon en la aranĝoj de la 28-a, ktp. al tiuj, kiuj ne anoncos sin ĝustatempe.

*Por la Organiza Komitato,*
*Inés GASTON*



# LANDLIMO

*Leopoldo Cano*
Trad.: *A. Núñez Dubús*

En naskiĝa lando mia,
land' najbara de Francujo,
meze de vojeto staras
limoŝtono kaj rozujo.

Staras ŝtono sur landlimo,
la rozuj' borderas ĝin,
kaj fremdula, ĵus naskita,
estas roz' por roz' fratin'.

Sed, post kiam mortas ambaŭ
malamikoj de la valo
flugas bonodor' al Dio
nur per sama la spiralo

Ĉar post la lazura sfero,
sen ĉagrenoj, sen doloroj,
Li patrujon nuran donis
al animoj kaj al floroj.

Mi, konsiderante iam
tage, per amara sento
tiun limon terglitantan
kvazaŭ naŭza fiserpento.

Kaj vidante fortrompita
la ligilojn homajn iam,
pensis: Amo kreis mondon;
sed dispecis ĝin malam'.

Kiel aĉa kaj ridinda
estas homa la vanpozo.
Ĉu ekĉesos esti frato
rozo por alia rozo?

Tial, tie inter la du
malamikoj skribis mi:
La landlimoj estas krimo
kontraŭ la leĝar' de Di'.

## ORA JUBILEO

Heroldo de Esperanto festas sian Oran Jubileon, kio meritas ne nur la gratulojn, sed la dankemon de la tutmonda esperantistaro.

Ĝi estas kvazaŭ la amiko kiu akurate informas nin pri la gravaj kaj malgravaj okazintaĵoj, kiuj konsistigas la Movadon.

Nian koran gratulon al S-ro Teo Jung fondinto kaj eldoninto dum pluraj jaroj de la ĵurnalo, kaj al S-ino Ada Fighiera-Sikorska, kiu kuraĝe transprenis la malfacilan taskon, redakti ĝin, kaj kiu tiel lerte sukcesis en la entrepreno.

## 80-JARA JUBILEO

Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo festos sian 80-jaran jubileon la 17-an de junio 1970. Mi kore gratulas lin kaj varme deziras por *NI* ke li daŭru tiel vigla, kapabla kaj energia kiel ĝis nun.



Kiel ĉiujare la junularo el Kimrujo sendis sian mesaĝon de bona volo okaze de la 18-a de majo 1970. Ĉar ĝi alvenis prokraste por publikigo en nia antaŭa numero de BOLETIN, kiam vi legos la mesaĝon, ĝi jam estos disaŭdigita per la radio.
Ni kore dankas al la Junuloj de Kimrujo ilian mesaĝon kaj sincere deziras al ili grandan sukceson en ilia homama laboro.

---

La 49-a Bonvolmesaĝo de la Junularo de Kimrujo al la Junularo de la Mondo, radie disaŭdigota je Bonvoltago, la 18-a de Majo 1970.

La junularo de Kimrujo alvokas la junularon de la mondo, je Bonvoltago 1970.

Komence de nova jardeko, ni rememoras pasintajn eventojn, aparte la alvenon de la homo sur la lunon. Tiun sukceson ebligis grandega progreso scienca kaj teknologia; kaj ni tutkore esperas, ke nia pli profundiĝinta scio estos uzata por la beno de la tuta homa raso.

La jaro 1970 estas Internacia Eduka Jaro. La Scienco kaj Teknologio ebligis al ni elkovri multon pli pri nia mondo kaj universo. Sed ankaŭ ni devas, kiel nacioj kaj kiel individuoj, lerni la arton de kunvivado.

En nia mondo al multaj personoj mankas bazaj homaj vivrimedoj. Ĉu vi helpos nin, kaj doni praktikan helpon al tiuj malfeliĉuloj, kaj instigi al registaroj direkti pli da fortostreĉo kaj pli da rimedoj al la mildigo de homsuferado?

Ni ne povas nun scii tion kio okazos en la estonteco, sed ni konvinkiĝas, ke venos la tago kiam ni respondecos pri decidoj, kiuj influos la tutan mondon. Niaj hodiaŭaj promesoj kaj intencoj estu nia garantio por la estonteco!

## ESPERANTO ESTAS INSTRUATA EN LA «UNIVERSIDAD LABORAL» DE CHESTE

La bone organizita propagando kaj informado pri Esperanto en Cheste (Valencia), unu plian fojon donis frukton. De la komenco de la jaro Esperanto estas instruata en la tiea "Universidad Laboral".

En la universitato estas dektri sekcioj kaj ĉeestas la kurson de Esperanto, po kvin knaboj el ĉiu sekcio; la lernado de la lingvo estas libervola kaj oni klarigas la lecionon ĉiun lundon kaj ĵaŭdon de la sepa ĝis la naŭa vespere. Gvidas la kurson S-ro Enrique Arnau por pli ol sesdek knaboj. En la Universitato regas granda entuziasmo pri Esperanto, kio antaŭvidigas novan Esperanto-kurson.

Ni kore gratulas niajn samideanojn de Cheste kaj deziras al ili grandan sukceson en ilia merito-plena laboro.

## DANKESPRIMO

Sinjorino Angela Sicart, vidvino de Doktoro Mariano Solá el Tarrasa, elkore dankas la samideanojn ĉiulandajn pro iliaj sinceraj kondolencoj okaze de la forpaso de ŝia kare amata edzo.

*Viktimoj senkulpaj*

Ĉiuj militoj estas teruraj. Ili rikoltas unue sangon kaj morton kaj, ĉe la fino, lasas katastrofan spuron de materiala kaj morala mizero. Plej dolorige, la postmilito falĉas siajn viktimojn inter la malfortaj kaj senkulpaj: la infanoj. En la aŭroro de la vivo ili agonias, eĉ pereas, kaj tian monstraĵon, kontraŭan al la plano de la naturo kaj al la bazaj instinktoj de la homoj, oni devus konsideri pli ol sufiĉa motivo por eksterleĝigi kaj ĉesigi la militon, kaj por definitive silentigi la voĉon de ĉiuspecaj militinstigantoj.

Sed meze de la ruino kaj la ekstermo, ekzistas ankaŭ personoj de delikataj sentoj kaj kun koro plena de boneco. Dank' al ili, oni ne rajtas tute malesperi pri la futuro de la homaro. Ili ne klamas en la dezerto. Ilia alvoko mobilizas la konsciencon de multaj aliaj, kaj, tiam, sur la fono krima de la milito preskaŭ mirige vivetas la blanka floro de la homa solidareco, de la kompato, de la karitato.

*Sekvoj de la unua interbuĉado*

Io tia okazis antaŭ 50 jaroj. La unua granda interbuĉado, kiu tiriĝis de 1914 ĝis 1919, puŝis la mondon en krizon kaj mizeron. Regis senokupeco, malordo, malsato, kaj en kelkaj landoj mankis al la infanoj lakto, vestoj, tolaĵoj, hejtaĵo. Tiam klamis la bonaj voĉoj. Kaj ili klamis en Esperanto, ĉar, kvankam Esperanto estas nura lingvo, ties uzantoj pli malpli sentas la Esperantismon, t.e. la homaman idealon.

En januaro de 1920, la Esperanto-societo por Stirio, en Graz, Aŭstrio, dissendis cirkuleron al la Esperanto-grupoj de diversaj landoj, kelkaj antaŭe malamikaj, petantan, ke dum kelkaj monatoj oni gastigu infanojn de tiu aŭstra regiono ĉe fremdaj hejmoj, por ke ili reakiru forton.

La respondo estis tuja kaj kortuŝa. Sed la reago de la hispanaj esperantistoj montriĝis tiel fervora kaj tiel multenombra, ke la samideanoj de Graz decidis koncentri la tutan agadon en nia lando. Al la tradiciaj malavaro kaj bonfaremoj hispanaj ligiĝis la homaranismo de esperantistoj kiaj s-roj Emilio Gastón, kunfondinto de "Frateco", en Zaragoza; Francisco Mañez, en Cheste; Jacinto Comella, en Vich; Sebastián Chaler, en Tarrasa; Roberto Maraury, en Huesca; Valentín Alavedra, en Tarrasa; José Casanovas, en Gerona; José Serrat, en Barcelona; Pedro Oriach, en Sabadell; Daniel Llorens, en Pedralba; Juan Campdelacreu, en Manlleu; Julio Belenguer, en Teruel; Enrique Aguadé, en Reus.

*La semo fruktiĝas*

La bonfara agado entreprenata de la iniciatemo kaj la entuziasmo de la hispanaj esperantistoj tiris la atenton de ankaŭ ekster-esperantaj societoj kaj personoj, kaj sekve de tio organiziĝis patronaroj en diversaj urboj por kunordigi la planojn rilate la helpon al aŭstraj infanoj.

La patronaro de Zaragoza fariĝis la centra patronaro en Hispanujo, kaj ĝiaj membroj konfidis ĝian estontan laboron al la samideano S-ro Emilio

Gastón, kiu, kun la apogo ankaŭ de ne-esperantistoj, povis pli vaste kaj energie entrepreni la bonfaran agadon. (Siatempe la patronaro, en sia lasta kunsido rekonis kaj notis la efikan kaj konstantan laboron de sia inda kolego, la patron-sekretario S-ro Gastón, "kiu ĉiam saĝe, kompetente kaj fervore iniciatis, subtenis kaj metis finon al la entrepreno".)

La preparaj laboroj de la patronaro daŭris pli ol ses monatoj, sed, superinte ne malmultajn kontraŭaĵojn, ĵaluzojn kaj miskomprenojn, oni tuj venigis la infanojn.

*Infan-karavanoj*

La 10-an de oktobro de 1920 per ŝipo alvenis al Barcelona la unua karavano de 24 infanoj, el kiuj 21 destinitaj al Tarrasa kaj 3 al Barcelona. Ĉe la haveno atendis ilin aŭtoritatoj de Barcelona, representantoj de katalunaj komitatoj kaj patronaroj kaj de hispanaj skoltoj; la ĉeestantoj esperantistaj speciale emociiĝis kiam nian himnon "La espero" kantis unuvoĉe la elŝipiĝantaj infanoj.

La 17-an de la sama monato alvenis 25: 1 por Barcelona, la aliaj por Zaragoza. La karavanon akceptis en Barcelona S-ro Emilio Gastón kaj la patrono S-ro Ignacio Montserrat, provinca deputito. En Zaragoza ripetiĝis la kortuŝa sceno; kelkaj centoj da personoj —esperantistoj, skoltoj, reprezentantoj de lernejoj, favorantoj de nia entrepreno kaj la gastigaj familioj— grupiĝis ĉe la stacidomo kaj plej varme ricevis la infanojn.

Aliaj karavanoj sin sekvis cele al hejmoj de katalunaj, valenciaj kaj aragonaj provincoj, kaj, dank' al la klopodoj de S-ro Gastón kaj al la influo de S-ro Gari Montllor Sch. P., oni povis sukcese solvi neatenditajn problemojn kiuj prezentis kelkaj navigaciaj firmoj pri kondiĉoj kaj prezoj de transporto de la infanaj grupoj.

La lasta karavano konsistis el 65 infanoj, kiuj pliparte iris en la direkto al Asturias. Ĝi alvenis al Barcelona la 7-an de aprilo de 1921.

En Madrid, la bonvenigo al la grupo estis eksterordinara. Tiun karavanon akompanis dum la tuta vojaĝo la aŭstra organizanto de la entrepreno, nia senlaca samideano S-ro Karl Bartel, kies sindonon kaj grandan spiriton oni neniam povos sufiĉe laŭdi. Kunvojaĝis ankaŭ la meritoplena S-ro Valentín Alavedra, de Tarrasa kaj la organizanto en Asturias, S-ro Alfredo Turkel.

*Noto de melankolio*

En hispanaj hejmoj 326 aŭstraj geknaboj trovis ne nur la plenan kontentigon de siaj materialaj bezonoj, sed ankaŭ la sindonan amon de la gastigantoj. Ĉiuj zorgatoj sciis almenaŭ rudimentan Esperanton, kaj, kvankam ĉe la komenco ili ne povis interkomunikiĝi ĉe ne-esperantistaj familioj, baldaŭ lernis iom de la hispana kaj venkis la lingvan obstaklon. Sed, kio pli facile, se ĉiuj gastigantoj estus posedintaj Esperanton!

Pro mistera kaprico de la sorto, ĉe S-ro Gastón, kies diligento kaj fervoro por la bono de la aŭstraj infanoj inspiris kaj stimulis aliajn samideanojn, okazis la unu sola morto registrita inter la junaj gastoj. Temis pri la knabino Edith Haas, 13-jara, kiu, malgraŭ ĉiuj streboj de la plej kompetentaj kuracistoj kaj la ama prizorgo de la edzino kaj la filinoj de S-ro Gastón, ne povis superi la gravan krizon de kormalsano.

La filinoj de S-ro Gastón, f-inoj Emilia kaj Inés, ankoraŭ memoras kun profunda bedaŭro kaj kortuŝo la doloran malaperon de la tiama kunulino de ludoj kaj iluzioj. Ŝia cindro ripozas poreterne en la tero de Zaragoza, kaj ŝia dolĉa memoro neniam velkos en la koro de ŝiaj amikinoj.

*Meditigaj vortoj de pioniroj*

Pri la entrepreno de la gastigado de la aŭstraj infanoj, la familio Gastón trezoras ampleksan raporton, kie aperas, registritaj, la multegaj laboroj, elpaŝoj, formalaĵoj kaj spezoj, kiujn sindona grupo de samideanoj, kun S-roj Gastón kaj Bartel ĉe la fronto, efektivigis por la sukceso de tiel pure esperantisma agado. En la enkonduko, kiun subskribis Bartel, Gastón, Alavedra, Casanovas, Serrat, Máñez, Comella, Campdelacreu, Llorens, Belenguer, Oriach kaj Aguadé, legiĝas la jenaj meditigaj vortoj:

"...ni volas publike danki nian majstron D-ro Zamenhof, kies lingvo ebligis nian entreprenon, kaj laŭte diri, ke en Hispanujo abundas, pli potencaj ol ni, tre bonkoraj institucioj kaj personoj, kiujn kortuŝis la aŭstra mizero; tamen, neniu kuraĝis organizi, antaŭ ol ni, la akcepton de la infanoj, kaj ankaŭ ne daŭrigi nian entreprenon, kiam nin elĉerpis la laboro..." "Kio donis al ni, ne riĉaj metiistoj kaj profesiuloj, la energion por sukcese atingi nian celon? Certe, tio, kion ne posedas aliaj bonkoruloj: nia esperantismo, kies interna ideo kreskigis nian forton ĝis grado antaŭe neimagebla..." "...ni konvinkiĝis, ke, per ni, la esperantistoj faris paŝeton al la sankta harmonio promesita de nia SENTO...", "...kaj ni deziras, ke la scio pri tio, kion ni faris, kuraĝigu vin en via laboro, kaj estu en via koro eĥo de la vortoj de nia majstro: Obstine antaŭen! La nepoj vin benos, se vi pacience eltenos!"



**De maldekstre: Sroj José Casanovas, Emilio Gaston, José Serrat, Francisco Máñez, Valentín Alavedra, Jacinto Comella**



Gefratoj Chaler el Tarrasa kun sia aŭstra fratino (A)



Edith Haas senkulpa viktimo de la milito, kiu mortis en Zaragoza la 6-an de decembro 1921

Ŝia Reĝina Moŝto M.ª Cristina kun la aŭstraj infanoj kaj akompanantoj en Madrid.

# ★ ANTAŬ 50 JAROJ: TRIUMFO DE ESPERANTISMO

En sia estrarkunsido de 30-12-1919 la Esperanto-Societo por Stirio en Graz (Aŭstrio) decidis post konscienca studo de la propono de la sekretario, dissendi cirkuleron al la Esperanto-grupoj en neŭtralaj kaj en antaŭe malamikaj eŭropaj landoj, kun klarigo pri la sorto de la infanoj de Graz kaj kun la peto, ke oni akceptu dum kelkaj monatoj tiujn infanojn kiel gastojn aŭ ke oni ebligu ilian gastigadon en eksterlando per mondonacoj.

La motivo de la propono estis ĉefe la deziro helpi al suferantaj aŭstraj infanoj el Graz kaj Stirio. Por tiu celo Esperanto prezentiĝis kiel bona helpilo, ne nur kiel koresponda lingvo, sed ĉefe, ĉar la disĉiploj de Zamenhof estas prave konataj kiel helpemaj. Tial la cirkulero "Ĉu ili estas kulpaj?" la 15-1-1920 estis dissendita al cent Esperanto-societoj kaj al multaj Esperanto-gazetoj en Eŭropo. La eĥo, kiun trovis la alvoko, estis neatendite rapida kaj esperiga. La Esperantistoj montriĝis elkore helpemaj. Jam la 3-2-1920 alvenis en Graz la unua invito, el Nederlando (de S-ro Bruijn, Den Haag); sekvis baldaŭ invitoj el Svedujo, Hispanujo, Francujo, Danujo, Ĉeĥoslovakujo, Belgujo kaj Anglujo! Esperanto-gazetoj represis la alvokon, ankaŭ hispanaj kaj anglaj gazetoj publikigis tradukojn de la alvoko.

La Esperantistoj de Zaragoza dekomence faris jam organizajn proponojn; la unua letero, de advokato S-ro Emilio Gastón Ugarte, komencis per la simplaj klaraj vortoj: "Karaj samideanoj, La ĉi-tiea Esperanto-Societo "Frateco", kies fondinto mi estas, ricevis vian cirkuleron... kaj ni komencis labori por la sukceso de la ideo. ¡Ni fide esperas ĝin...". Ĉar la plej multaj invitoj (200 dum 7 semajnoj) venis el Hispanujo, ni decidis projekti la gastigadon de infanoj nur en Hispanujo, por koncentri la organizadon nur en unu direkto. En nia unua respondo al Zaragoza ni proponis, ke la hispanaj Esperantistoj kunigu siajn klopodojn en la manoj de S-ro Gastón. Ĉiuj hispanaj helpemuloj konsentis, kaj S-ro Gastón, jam post kelkaj tagoj, raportis al ni pri fondigo de speciala patronaro.

La fondigan kunsidon de tiu patronaro partoprenis i.a.: Marquizo de Algara de Gres, guberniestro; S-ro Javier Ramírez, prezidanto de la Provinca Deputitaro; S-ro Ricardo Horno, urbestro; S-ro Juan Carceller, ĉefepiskopa sekretario, reprezentanta la kardinalon S-ro Juan Soldevila Romero; du provincaj deputitoj; S-ro Emilio Gastón Ugarte, prezidanto por Hispanujo de la societo de Esperantistaj juristoj. En tiu kunsido la patronaro decidis, ke la gastigo por la aŭstraj infanoj daŭru unu jaron pluigeblan laŭ la cirkonstancoj de ĉiu gastigo.

Ankaŭ en Graz ni sukcesis oficialigi la "Esperanto-Infanhelpon" kaj trovis simpation kaj helpopromeson ĉe la "Provinca oficejo por protekto al la infanoj", kiu konsentis niajn ideojn pri la organizo de la entrepreno kaj sendis oficialan peton al la Deputitaro en Zaragoza; subskribis ĝia prezidanto S-ro Heinrich Wastian, estrarano de la Provinca Deputitaro de Stirio. La preparo de la entrepreno, sendi, 500 infanojn al Hispanujo, estis por la komitatanoj de Graz, kiuj devis plenumi tiun taskon apud sia profesia laboro, nervostreĉa okupo dum monatoj. Mi volas ĉi-tie laŭde citi, el miaj ĉefaj kunlaborantoj al la gesamideanoj: kolonelo Karl Hackl kun edzino, S-ro Wilibald Rogler, D-ro Adolf Halbedl, Mag. Gustav Teltschik, Mag. Josef Wagner, insp. Karl Lossos kaj Anna Bartel, mia patrino. Ili en plej dankinda maniero kunagis sen ia rekompenco kaj fine prenis sur sin la respondecon akompani la infantransportojn ĝis Genova aŭ Barcelona, kaj revene.

En kunsido de la Provinca Oficejo por protekto al infanoj, en Graz, oni decidis pri la publikigo de la infanhelpo en la loka gazetaro, pri la maniero de elekto kaj lokigo de la anoncitaj infanoj; oni disponigis al ni oficejon por la anoncado kaj infankuracistojn por tuja esplorado de la infanoj; oni oficiale petis la Esperanto-Societon, instrui la infanojn pri Esperanto, "por ke ili povu komprenigi sin en Hispanujo"; la urbestro disponigis por tio lernejoĉambrojn en ĉiuj kvartaloj de la urbo, nia societo kontribuis la instruantojn.

En majo 1920 alvenis en Graz el Sabadell, du membroj de la neesperantista loka patronaro D-ro José Argemí, kuracisto, kaj S-ro Enrique Sarradell, redaktoro, akompanataj de S-ro Pedro Oriach, prezidanto de la Esperanto-Societo

Aplech, kiel interpretisto. Oni nomigis ilin informi sin pri la situacio en Stirio kaj kunpreni 15 knabojn al Sabadell. Ili povis konstati la helpindecon de la aŭstra junularo.

Ĝis la transportoj povis ekveturi oni devis solvi ankoraŭ multajn problemojn: elekton de vojaĝvojo, traktadon kun la fervoj-administracioj kaj ŝipkompanioj, zorgon por la dumvoja manĝado, pasportajn aferojn, ktp. En Aŭstrio kaj Hispanujo la samideanoj laboris energie kaj kun kontentiga sukceso. Por la hispanoj plej peniga estis trovi la necesan monon por la transportkostoj.

La regulaj infantransportoj de Graz al Barcelono povis komenci la 6-10-1920. Estis entute naŭ transportoj ĝis 1-4-1921, kun entute 326 geknaboj. La infanoj alvenis en Barcelona sen malsanoj aŭ akcidentoj. Per kantado de la Esperanto-himno ili, elŝipiĝante, salutis la landon, kiu gastigos ilin por unu jaro, kaj la ilin atendantajn aŭtoritatulojn, gastigontojn, esperantistojn kaj knaboskoltojn. Oni regalis ilin per abunda matenmanĝo; ili apenaŭ kuraĝis gustumi bulkojn kaj dolĉaĵojn: tio estis por ili nekonataj bongustaĵoj! Same okazis dum vojaĝo al la diversaj gasturboj kaj vilaĝoj: ĉie la popolo elkore akceptis kaj regalis ilin.

Ne nur esperantistoj laboris por la infanhelpa entrepreno aŭ ia maniere subtenis ĝin aŭ gastigis en siaj hejmoj aŭstran infanon; tamen ilia sindonemo vaste vekis la tradician hispanan gastamon. Neforgeseblaj estas la montroj de simpatio kaj homamo, kiujn mi, same kiel la infanoj atestis ĉe la hispana popolo, de simpla kampulo aŭ metiisto ĝis la Kardinalo de Zaragoza, kaj eĉ ĝis la Reĝino! El la lasta transporto, en aprilo 1921 estis destinitaj al Asturias 49 geknaboj kiuj devis trapasi preskaŭ la tutan Hispanujon; en Madrido ŝia Reĝina Moŝto María Cristina gastigis la infanojn unu nokton en bela azilo "La Paloma", eĉ vizitis ilin tie kaj parolis kun ili kvazaŭ bona onklino, en germana lingvo kiu ja estis ŝia gepatra lingvo.

La infanoj rapide kaj intime aligis sin al la familioj de la gastigantoj aŭ al la kamaradoj en institutoj. Mi havis la okazon viziti preskaŭ ĉiujn infanojn: oni laŭdis ilin pro bona konduto kaj diligento, ili mem entuziasme esprimis sian kontenton kaj dankemon.

56 geinfanoj restis, laŭ individuaj kontraktoj, ĉe gastigantoj kaj parencoj de la infanoj post oficiala finigo de la Esperanto-Infanhelpo en la gastama Hispanujo; grandparte ili lernis profesion, eĉ fondis familion kaj vivas kiel ŝatataj civitanoj en sia nova hejmlando. La aliajn infanojn oni retransportis en Aŭstrion ĝis 24-4-1922 plenajn de sano, scioj kaj donacoj. Sian tutan vivon ili per dankemaj koroj rememoros la gastaman akcepton, zorgan pritrakton kaj larmoplenan adiaŭon de la grandanima hispana popolo!

Unu celo de la entrepreno estis sukcese atingita: la Infanhelpo. Alia celo, la propagando por Esperanto, pro la ekonomiaj cirkonstancoj en Aŭstrio ne povis estis antaŭenpuŝata. La mono malplivaloriĝis ĝis la dekmil-ono, regis mallaboreco, ne restis tempo por idealo. La Esperanto-grupo de Graz do ne sukcesis eluzi la propagandeblecon per la revenintaj infanoj.

Tamen por ni, kunlaborintoj en Hispanujo kaj Aŭstrio. restis la kontentiĝo, ke ni povis en ĝusta tempo bonfari, helpe de

ESPERANTO

*Karl Bartel. Graz,* 1970



## REVUO "ESPERANTO" PLI AMPLEKSA

En la venonta jaro la revuo "Esperanto" de U.E.A. estos pli ampleksa kaj pli varia. Tio estas nur unu el la gravaj decidoj de la tritaga kunsido de la Estraro de U.E.A., de la 3-a ĝis la 5-a de aprilo en Rotterdam. La financa perspektivo por 1971 estas pli hela, dank' al la planata transiro al pli moderna pres-sistemo. Por tio la Asocio jam aĉetis komposto-maŝinon kaj fotografilon, kaj la monda membraro de U.E.A. jam donacis pli ol 6.600 guldenojn por tiu celo.

## KOMPLETA LIBRO-KATALOGO

Ankaŭ la Jarlibro de U.E.A. estos pli ampleksa en 1971. Nun ĝi aperas en du partoj kun entute ĉirkaŭ 600 paĝoj. En 1971 ĝi estos pli kompleta, dank' al nova sistemo de redaktado kaj presado. La ĉefa plibonigo estos ĉe la libro-listo. Estonte ĝi estos pli ol 200-paĝa kaj enhavos kelk-linian priskribon pri ĉiu iom grava libro, kun ilustraĵoj. Tio estos verŝajne la ĝis nun plej detala katalogo iam aperinta pri la Esperanto-literaturo, kiu estas aktuale aĉetebla. Ĉiu membro-abonanto de U.E.A. ricevas krom la monata revuo ankaŭ la du partojn de la Jarlibro.

La kunvenon en Rotterdam, en la Centra Oficejo de U.E.A.. ĉeestis ĉiuj ok estraranoj el Britujo, Svedujo, Nederlando, Germanujo, Francujo kaj Pollando. Pri la multaj aliaj decidoj de la Estrara Kunsido oni povas legi en la oficiala organo "Esperanto", majo 1970.

## 3.500 KORESPOND-PETOJ

La Koresponda Servo Mond-skala de U.E.A. havas nun en sia adresaro ĉirkaŭ 3.500 korespond-petojn. El ili, 421 estas kolektivaj petoj (ekzemple de lernejaj klasoj). Ili reprezentas fakte pli ol 4.000 korespondantojn. Oni povas diri, do, ke la Servo, fondita en 1957, disponas pri adresoj de pli ol 7.000 personoj.

Dum 1969 la Servo respondis al ĉirkaŭ 700 petoj. Dum la sama jaro ĝi ricevis novajn proponojn pri korespondado el 38 landoj de ĉiuj kontinentoj. Enskribo en la adresaron estas senpaga. Nur por ricevi respondon rekte de la Servo necesas aldoni internacian reespond-kuponon. La Servon gvidas F-ino C. Hueter, 12 rue des Jacobins, F-63-Clermont-Fd (PdD), Francujo.

# 38ª SPECIMENA FOIRO DE BARCELONA

Ankaŭ ĉijare la Oficiala kaj Internacia Specimena Foiro de Barcelona, eldonis afiŝon en Esperanto. Ni dankas al la Direkcio de tiu grava Foirkonkurso, ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.

La Specimena Foiro de Barcelona festas ĉijare sian 50-an datrevenon, kaj jam en la jaro 1921 la Organiza Komitato de la II-a Specimena Foiro de Barcelona, kies Sekretario estis la eminenta samideano S-ro Federico Pujulá y Vallés, akceptis Esperanton por la Foira propagando, kaj de la III-a Oficiala Specimena Foiro (I-a Internacia) de Barcelona, ne nur uzis la lingvon por la propagando, sed disponigis por K.E.F. unu el la standoj, kie estis instalita oficiala informejo de la Foiro kaj samtempe esperanta ekspozicio kaj propagandejo. En tiuj jaroj, en la Foirejon, oni permesis en difinita tago la eniron al ĉiu portanto de la verda stelo, taŭga kiel invitilo.

**Donativos para BOLETIN - 1970**

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... | | 2.771,— |
| J. Arroyo ... ... ... ... ... | *Cartagena* . ... ... | 50,— |
| M. Henry ... ... ... .. | *Triel-sur-Seine* .. | 100,— |
| V. Ortiz ... ... ... . . | *Zaragoza* . ... ... | 150,— |
| | | 3.071,— |

## KANTO DE KRISTANAJ ESPERANTISTOJ

*Dediĉita al Rev. P. Gabriel Pausback, O.K.*

En Kristo ni fidu plenplenaj de ĝojo;
En Kristo ni kredu kun alta kompreno;
Li estu lumturo sur nia la vojo,
Model' ideala de nia vivpeno.

Li gvidu la paŝojn de niaj kondutoj;
Tra Li ni aŭskultu alvokon de Dio;
Ni metu barilojn al sangaj disputoj
Por esti akorde kun Mondharmonio.

Por savi animojn for el niaj tentoj
Ni forĝu armilojn por sankta batalo,
Uzante la oron de niaj amsentoj
Kaj forĝon kristanan en fand' de l' metalo.

Armilon tre taŭgan ni fakte posedas
Per lingv' Esperanto, homara trezoro;
Por interkompreno tre varme ni pledas
Kaj ĝin ni predikas kun pia fervoro.

Ni, homoj, bezonas tre fratan komprenon
Se fratoj ni estas en homfamilio;
Kaj tion celante ni petas la benon,
La gracon per Kristo fluantan el Dio.

Vi benu, ho Dio, la ardan laboron
Faratan tre pene de nia armeo.
Al ni Vi ĵetadu la amon en koron,
Permesu, ke floru "L' Interna Ideo"!

*Luzo BENALDO*

## 55ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Okazonta en Vieno de la 1-a ĝis la 8-a de aŭgusto* 1970
Sub la Alta Protektado de
*D-ro Franz Jonas, Prezidanto de Aŭstrujo*
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2. Nederlando



## XXIª BARCELONO-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO



*okazonta en Manlleu la 21-an de junio* 1970

PROGRAMO:
Katolika meso kun prediko en Esperanto
Inaŭguro de strato Esperanto
Malfermo de Esperanto-Ekspozicio kaj sekve parolado en Esperanto
Frateca kunmanĝado

# EKSKURSO AL MIERES - VOJO TRAIROTA

La Kantabrika kornico estas nomata la mara nordo de Hispanujo, ĝi etendiĝas de la rivero Bidasoa, kiu elfluas en la golfo de Vizcaya ĝis kapo Finisterre en la Atlanta oceano.

La tuta marborda regiono estas banata de la Kantabrika maro kaj trakurata de la samnoma ĉenmontaro paralele al la maro. Tiuj du elementoj maro kaj monto, karakterizas la Nordon. La kantabrika atmosfero volvas variluman pejzaĝon, verdajn herbejojn, senhomajn plaĝojn kaj rokarojn batatajn de potenca maro. Laŭlonge de la marbordo, la linio de la Kantabrikaj montoj pli kaj pli leviĝas ĝis ili atingas la kolosajn altecojn de la montoj nomitaj "Picos de Europa".

Ekzistas marborda ŝoseo de la franca landlimo ĝis la okcidenta ekstremo, kiu kunigas la plej gravajn urbojn de la Nordo. Parton de tiu belega vojo ni trairos veturante al Mieres, kaj ni sekve havos okazon admiri tiujn belegajn lokojn vizitante la ĉefajn urbojn. Sed, antaŭ ol alveni al Bilbao, kaj sekve eniri en la Kantabrikan kornicon ni vizitos Vitoria, la ĉefurbon de la provinco Alava, en la vaska regiono, kiu situas inter Navarra kaj Castilla. Ĝi estas tre interesa urbo, kiu posedas la sinjorecan belecon de la norda Hispanujo.

Bilbao —ĉefurbo de Vizcaya—, estas industria urbo, kiu situas apud la rivero Nervión, kaj ŝipoj alvenas ĝis la centro de la urbo. En Bilbao ekzistas la plej grava siderurgia industrio de la lando, la urbo estas ja interesa kaj pri la gastemo de la bilbaoanoj ni ne bezonas paroli ĉar ĝi estas de ĉiuj konata.

La marbordo de la provinco Santander, de Castro Urdiales ĝis San Vicente de la Barquera, estas impresa pro sia natura beleco. La pureco de ĝiaj sabloj kaj la senkompara beleco de la pejzaĝo, faras el ties antikvaj maristaj vilaĝoj ŝatatan restadejon por la marŝatantoj.

Castro Urdiales, je 40 kilometroj de Bilbao kaj 74 de Santander, estas la antikva romia Flaviobriga; ĝi konservas restaĵojn de la Mezepoko. Proksime al Castro, troviĝas Laredo, kiu fariĝis dum la lastaj jaroj unuaranga somera restadejo por turistoj el la tuta Eŭropo; ĝia plaĝo La Salve estas kvin kilometrojn longa kun purega ora sablo.

Santander, ĉefurbo de la provinco estas altranga somerumejo. Interalie, ĝi estas fama pro sia Internacia Somera Universitato kaj la mondfama Internacia Muzikfestivalo, kiun oni celebras ĉiujare en la monato aŭgusto. La ĉefaj strandoj estas El Sardinero kaj Castañeda, sed tre gravaj ankaŭ estas tiuj de La Magdalena kaj El Puntal. Ĉar la centro de la urbo estis detruita de terura incendio en 1941, ĝia rekonstruado faris la urbon Santander moderna kun belaj promenejoj kaj ampleksaj stratoj. Je 29 kilometroj de Santander situas Santillana del Mar, mezepoka urbo, unu el la plej belaj ekzistantaj en Hispanujo. Tre proksimaj estas la Grotoj de Altamira, famaj pro siaj historiaj pentraĵoj. San Vicente de la Barquera survoje al Asturias, je 64 kilometroj de Santander, posedas belajn historiajn angulojn. Super ĝia rivero staras ponto de la XVIII jarcento.

La plej granda parto de la asturia marbordo estas tre kruta. Disvolviĝante de Oriento-Okcidenten, ĝi komencas per malalta marbordo por formi poste la malebenajn kvazaŭfjordojn de Celorio, kie, en konfuza mikso de rokoj kaj sablo, formiĝis la belega estuaro de Ribadesella. La enfluejo de Villaviciosa estas varia kaj profunde penetras teren. Ekde Gijón la marbordo estas alta kaj rokeca, kun belaj perspektivoj. La ampleksa kaj trankvila enfluejo de Avilés kvazaŭ anoncas tiujn de San Esteban de Pravia kaj Muros, kie elfluas la rivero Nalón, la plej fluanta el la asturiaj riveroj. Denove la marbordo krutiĝas por formi la havenon de Luarca.

Colombres, Llanes, du famaj vilaĝoj, la unua pro la fama groto Pindal, kun prahistoriaj pentraĵoj, kaj la dua pro sia riĉa folkloro, tie, oni povas admiri dancojn de tre malnova, —kredeble— kelta origino.

Ribadesella, situanta sur golfeto ĉe la elfluejo de rivero Sella, estas havena urbo, kun ampleksa strando kaj bela promenejo. Estas tre interesa la groto kun stalaktitoj la Cuevona.

Villaviciosa, urbo situanta je 41 kilometroj de Oviedo; ĉarma haveno apud la samnoma enfluejo. En la urbo estas belaj sinjorecaj domoj, preĝejo Sankta Maria kun interesa romanika frontispico. Apud la vojo al Pola de Siero, situas monaĥejo de San Salvador de Valdedios, ja interesa. Sur la elfluejo de la rivero, troviĝas la plaĝo de El Puntal kun bela pejzaĝo.

Gijón... Pri kiu ni jam parolis en antaŭa numero de **BOLETIN**. Candas, Luanco, Avilés... Sed, ni jam alvenis al Mieres, celo de nia ekskurso, kaj sekve, ni jam devas forlasi la Kantabrikan kornicon; ni sekvos vojon ankaŭ ege interesan sed tra la interno de la Hispana Duoninsulo.

Post la fino de nia Kongreso, dum kiu tutcerte, ni vizitos la ĉefajn vidindaĵojn de tiu belega regiono, ni revenos hejmen, tra vojo ne malpli interesa ol tiu, kiun ĝis nun, ni priskribis.

León, situas sur pitoreska valo ĉirkaŭata da arbaroj, legomĝardenoj kaj paŝtejoj.

En León kunekzistas du urboj, la antikva kaj tiu moderna, kiuj, malgraŭ, sia granda kontrasto estas intime ligitaj. En León oni povas admiri belegajn monumentojn kies arta valoro estas neimagebla, tio estas sekvo de ĝia glora historio. La katedralo perfekta monumento de la gotika arto; ĝiaj belegaj vitraloj —laŭ popola diro— devenigas ĝin en eksterordinara lanterno.

Ĉiu angulo de la malnova León estas vera monumento pri arto kaj historio... kaj, apud ĝi elstaras modernaj konstruaĵoj, kiuj ambaŭflanke de la ampleksaj avenuoj estas elmontro de progresema urbo. Oni ne povas paroli pri León kaj ne mencii la helecon de ĝia ĉielo diafana kaj luma.

Survoje al Burgos ni trapasos Sahagún, grava fokuso de mudeharismo, kie oni povas ankoraŭ admiri belajn elmontrojn de la mudehara arto.

Burgos; antaŭ ol alveni en la urbon, ĝi sin anoncas per la mirindaj turoj kaj sveltaj pinakloj de sia fama katedralo, plej grava monumento de la urbo. En ĝi ripozas la cindro de la "Cid Campeador" kaj Doña Jimena, lia edzino.

Burgos enhavas grandnombre sinjorecajn palacojn, inter ili elstaras tiu de la "Condestables de Castilla", nomita ankaŭ "Casa del Cordón" ĉar sur ĝia fronto super kaj ambaŭflanke de la pordo aperas kiel ornamaĵo la kordono de la Ordeno de Sankta Francisko, kune kun la familiaj blazonoj.

Burgos, kiu konservas en la plej pura senco la arton kaj historion de la antikvaj epokoj, estas ankaŭ moderna urbo, kun belaj parkoj kaj ĝardenoj.

Tra la tuta provinco troviĝas mirindaĵoj, ĉar ja, mirinda estas la tuto.

Soria, lastan urbon en kiu ni haltos revene al Zaragoza.

La provinco Soria apartenas al la alta tero de Castilla, ĝi estas krisolo de la antikva kaj mezepoka historio de Hispanujo. Norde, la impresaj pintoj de Moncayo kaj Picos de Urbión, lulilo de riveroj kaj legendoj; meze, ĉirkaŭante la urbon granda plataĵo etendiĝas; sur ĝi leviĝas ulmoj dense, kiel tifao.

Soria estas urbo de grandega estetika merito, tiel identigita kun la ĉirkaŭanta pejzaĵo kvazaŭ ĝi ekestiĝis spontane. Verkistoj kaj poetoj —kiel Becquer, Unamuno, Azorín, Gerardo Diego— faris de Soria temon de kelkaj el siaj plej ŝatataj verkoj. La ombro de Antonio Machado prezentiĝas tra ĝiaj stratoj, ĉe la bordo de la rivero, apud la ulmoj...

Ĝiaj preĝejoj havas la profundan kaj simplan mistikismon de la mezepokaj temploj; la paso de la tempo riĉigis la laboritan ŝtonon de la portikoj kaj la mistikan belecon de la altar-tabuloj...

Alvenante al Zaragoza, ni trapasos Tarazona, sed, estos jam tro malfrue por admiri la purecon de la mudehara arto en nia provinco.



ASTURJA KANTO

Asturjo, kara patrujo,
Asturjo de mia amo,
kiel feliĉe en Asturjo
mi restus en ĉia okazo!

Mi sur monton devas iri,
devas iri por la flor',
kaj ĝin doni al amatino
por ornam' de la balkon'!

Ĉu ŝi metos sur balkon',
aŭ ĉu ŝi ne metos ĝin,
mi sur monton devas iri
pluki la floron por ŝi!

DANCO DE PRAVJO (hisp. Pravia)

Pimpe iras karul' mia
kun ĉapel', pinton en alto,
suroj en la vento freŝa
kaj bastono en la mano.

Kaj la kanzono
en mia vilaĝo
estas la bela
danco de Pravjo.

Oni taksas min pli bela
ol la luno kaj la steloj,
sed mi, simpla junulino
ridas je ties stulteco.

Kaj la kanzono
en mia vilaĝo
estas la bela
danco de Pravjo.

Trad.: *Salvador Gumá*

## AVISO

En la excursión organizada por H.T.E.S. a MIERES (Asturias), no se incluyó la visita a Oviedo y Gijón, por haber sido informados por el señor Presidente del Comité Local Organizador, de que durante el Congreso se visitarían las dos principales ciudades asturianas.

Ahora vemos, con sorpresa, que la excursión a Gijón —al menos de momento— ha sido suprimida del programa; por ello advierto a todos los participantes en nuestra excursión, que estamos llevando a cabo las gestiones oportunas para visitar Gijón, bien sea de ida a Mieres, o durante una de las tardes de la semana del Congreso.

---

Fecha límite de inscripción: 15 de junio de 1970.

---

Para el viaje colectivo a Viena con motivo del 55 Congreso Universal de Esperanto, también se ha señalado como fecha límite de inscripción el 15 de junio de 1970.

Las inscripciones para las dos excursiones deberán hacerse en H.T.E.S., Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto. Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.

---

## HISPANA TURISMA ESPERANTO-SEKCIO

H.T.E.S. SEKCIO DE H.E.F.

*Estraro elektita la* 21-*an de aprilo* 1970

Honora Prezidanto: Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo

Prezidanto: Inés Gastón
Sekretario: María Pilar Sancho Rebullida
Kasisto: Antonia Lapuerta
Membroj: Víctor Ortiz Gratal
José Andrés Aldana

Adreso: ĉe Inés Gastón. Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha. Zaragoza (Hispanujo)

# ESPERANTO ESTU LINGVO LAŬEBLE SIMPLA KAJ FACILE KOMPRENEBLA!

Zamenhof skribis: *Ni povos venki nur, se ni zorgeme konservos al nia lingvo ĝian simplecon kaj facilecon.* (PLENA VORTARO: p. 333. kol. 2. lin. 10).

Por plene respekti tiun rekomendon, jen kelkaj praktikaj reguloj:

1) Uzu lingvo-stilon *malkomplikan,* kun frazoj kiel eble plej *mallongaj;* longegaj frazoj enuigas, tedas kaj for-timigas novulojn kaj malnovulojn. (Konsultu la bonan gvidilon "Ne tiel, sed tiel ĉi!", de F. FAŬLHABER);

a) uzu prefere vortojn *kutimajn* kaj dir-manierojn *familiarajn.* (Esperanto estu lingvo *vivanta,* ne papereca!);

3) evitu, en tekstoj ne-fakaj. neologismojn kaj maloftajn fak-terminojn; ekz., oni uzu prefere "pulmo-inflamo" anst. "pneŭmonio", kaj simile;

4) uzu participojn nur tiam, kiam estas nepre necese: ekzemple, skribu: "Oni scias, ke..." anst. "Estas konate, ke..."; aŭ: "Oni konstruis la domon en 1760", respektive "La domo konstruiĝis en 1760", anst. "La domo estis konstruata/konstruita en 1760";

5) evitu malklarajn aŭ pezajn vort-kunmetojn (ekz. pagadmono, subapogata, allogaspekta provovojaĝoj, pasaĝerelirejo, karbonatpurigado, malvarmummalsanoj, kaj similaj monstraĵoj); uzu prefere formojn *ne* miskompreneblajn, kiel ekzemple "desegnaĵoj *pri* infanoj", "desegnaĵoj *por* infanoj", "desegnaĵoj *de* (t.e. apartenantaj al) infanoj" kaj "desegnaĵoj *faritaj de* infanoj", anstataŭ "infan-desegnaĵoj" aŭ "infanaj desegnaĵoj";

6) uzu divid-strekon en du-radikaj kaj pli-ol-du-radikaj vort-kunmetoj, por ke ili estu pli facile ekkoneblaj; ekzemple: bel-aspekta, kulp-atesto, fervoj-stacio, influ-sfero, kaj simile. (Vidu PLENA GRAMATIKO 1938, § 411);

7) evitu laŭeble la elizion de la finaĵo *-o* en vort-kunmetoj. Tiu regulo senteble pli-faciligas la prononcon de multaj vort-kunmetoj; ekzemple: fiŝo-supo anst. fiŝsupo, mento-teo anst. mentteo, besto-ĝardeno anst. bestĝardeno, kaj similaj. Krome, ĝi ebligas aŭdigi ĝusta-maniere la ĉef- kaj flank-akcenton; ekz.: *su*no-*var*mo kiel *su*na *var*mo (ne sun*var*mo kiel ĝen*dar*mo!); so*me*ro-*ta*go (aŭ so*mer-ta*go) kiel so*me*ra *ta*go (ne kiel *so*mer*ta*go simile al aspa*ra*go!). Vidu: PLENA GRAMATIKO § 4 kaj 5);

8) uzu ĝusta-maniere la divid-strekon ĉe linio-fino (por transporti parton de vorto, pro loko-manko, en la sekvantan linion), dividante la vort-kunmetojn laŭ iliaj partoj *gramatikaj*; ekzemple rid-inda (ne ri-dinda!), pasport-oficejo (ne pasporto-ficejo!), k.s. (PLENA GRAMATIKO § 412);

9) uzu la akuzativon nur tiam, kiam ĝi estas nepre necesa, t.e. en rektaj komplementoj, kaj por indiki direkton. Tio inkluzivas eviti ne-necesan anstataŭon de certaj prepozicioj per akuzativo;

10) uzu malavare interpunkciajn signojn, por montri, kie la legantoj aŭ prelegantoj iomete haltu, por fari mallongan "spiro-paŭzon". Abunda interpunkcio konsiderinde faciligas al novuloj kaj malnovuloj klare distingi la sinsekvajn ideojn en la frazo-partoj; same, ĝi pli-faciligas al aŭskultantoj kompreni la sencon de frazoj prelegataj. (Komparu. ekzemple, la du frazojn sam-vortajn, sed malsam-sencajn: "La knabo petis ĉokoladon, manĝante pecon da pano" kaj "La knabo petis, ĉokoladon manĝante, pecon da pano". Vidu PL. GRAM. § 403);

11) adoptu, en propozicioj, la naturan sin-sekvon "subjeto/verbo/komplemento"; ekz. "Tigro mordis krokodilon" anst. "Krokodilon mordis tigro";

12) evitu laŭeble la substantivigon de verbo por esprimi agon; skribu, ekzemple, "Labori por *plenumi* la taskon" anst. "Labori je *la plenumo* de la tasko".

*Albert LIENHARDT*
*D. de U.E.A. en F-68 Mulhouse*

## * Ni legis por vi...

*Leĝoj de la homa socio.* Aŭtoro: anonima. Tradukinto: U. Ungert. Eldonejo Lanterno, Munkeno, 1968. 79 paĝoj, 13 x 9 cm. Prezo: 40 ptoj.

La libreto entenas faskon de pensoj, ĉefe pri politiko, ĝenerale ne tre originalaj, kelkaj kontestindaj, apud evidentaj veroj de etika inspiro. Jen specimeno: "ĉiuj scias, ke nobla semo ne kreskas de si mem, sed postulas penon, sistemecan flegadon. Male herbaĉo ekŝvelas, tuj kiam la homa mano, kiu ĝin kontraŭbatalas, forestas".

La lingvo kaj la stilo ne meritas multan laŭdon, kaj denove konfirmiĝas, ke oni ne sufiĉe atentas la ĝustan admonon de Waringhien: *neniam publikigu tradukon, eĉ dek-linian, kiun vi ne kontroligis per klera, alilingva esperantisto!*

*F. de Diego*

*Somera simfonio.* Originala sonetaro de A. A. Leenhard. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Abyhoj, Danlando. 27 paĝoj, 14,5 x 21 cm. broŝurita. Prezo: 90 ptoj.

Dek sonetoj pri bunta kaj pompa somero. Oni tuj vidas, ke la inspiro de la aŭtoro estas pli profunda ol lia posedo de la poezia strukturo de Esperanto. Lia koro spontane vibras kun sincera sento ĉe la milfaceta belo de nia mondo, sed li ne funde esploris ankoraŭ la rimedojn kaj nuancojn de la lingvo, per kiuj li povus redoni la ĝustan mezuron de sia lirika staturo.

Unue, la uzo de viraj rimoj en la kunteksto de liaj sonetoj ŝajnas principe erara. La viraj rimoj abrupte hakas la fluon de la versoj, kiujn li intencis solenaj, kaj rompas ilian etoson per kuspa efekto.

Due, abundas vortokaramboloj apenaŭ prononceblaj. Kiel langi kaj lipi por eldiri *tempmister', laŭbtegment', ĉarmtorent', roz' sur, incens' de, zefir-flustrad' laŭ, strand' de?* Tiaj kombinoj, anstataŭ emfazi la impreson de idilia, pacoplena somero, ŝajnas sugesti ŝtormon aŭ preterpason de bruantaj ĉaroj.

Plej bedaŭrinde estas, ke multajn tiajn karambolojn kaj eliziojn oni povus facile elimini. Por ekzemplo, en *Aŭtun-portreto,* paĝo 27, legiĝas:

*Melankolie svingas ĉe lagbordo kan'*

Ĉu ne pli flua, kaj pli gramatike korekta, la jena provo:

*Melankolie svingas sin ĉe lago kan'?*

En la sama soneto:

*Kaj malproksime kverkarbar'*
*konturas en nebulo*

sonus pli ĝuste

*Kaj kverk-arbaro fore konturiĝas*
*en nebulo*

Aliparte, S-ro Leenhard ŝajnas posedi rakitan rimoprovizon. La rimoparoj *glor' -odor'* aperas en *Majo* kaj *Sur la strando; tilio-lilio,* en *Majo, Somerĝardeno* kaj *Somer-imago; maro-paro* en *Somerobildoj* kaj *Sur la strando; ĉieltegment' - firmament'* en *Frusomero* kaj *Somerobildoj; naturo-lazuro* en *Majo* kaj *Somero-adiaŭo.*

En grandaj, elegantaj litertipoj pli akre evidentiĝas preseraroj, kiel, interalie, *fimamento* (paĝo 11), *aŭdiaŭis* (paĝo 15), *pesas* (paĝo 13). Mi ne scias, ĉu noti kiel mispreson la vorton *kreman* en *kaj ekkaresis ĉarman* kreman *junulin-femuron.*

Duoble frandinda femuro, ĉar junulina kaj, krome, krema.

La belaj vinjetoj kaj fronta paĝo de Ole Nederland rivelas manon de sentema kaj lerta artisto, dum la tipografia aranĝo de la libreto plaĉas per sia sobra eleganto.

*F. de Diego*

*Dua Oficiala Bulteno* de la 55-a Universala Kongreso de Esperanto. Libroformata, 32 paĝoj, ilustrita. Ĝi estas multe pli interesa kaj belaspekta ol tiuj disdonitaj okaze de la lastaj Universalaj Kongresoj de Esperanto.

NE TIEL, SED TIEL ĈI. — Konsilaro pri stilo. Ĵus aperis la dua eldono de tiu interesa verko de F. Faulhaber kies unua eldono aperis antaŭ kvin jaroj. La dua eldono estas reviziita kaj kelkloke reverkita. Eldonis, Dansk Esperanto Forlag, Aabyhøj 1970. La prezo de la libro restas kiel tiu de la unua eldono: 75 ptoj.

CAJA DE PENSIONES PARA LA VEJEZ Y AHORRO. — Ĵus mi legis artikolon pri Esperanto de nia samideano S-ro Ramón Molera Pedrals, ĉefdelegito de U.E.A. La artikolo, tre bone dokumentita, estas ilustrita per kovrilpaĝo de la revuo ESPERANTO. Sed, ja interesa estas, ke la artikolo publikiĝis en neesperantista, grava revuo de la "Caja de Pensiones para la Vejez y Ahorro" de Barcelona, numero: Decembro 1969, kio pruvas ke Esperanto ne nur, ne estas fremda por la oficistaro de tiu grava Institucio, sed, ke ĝi estas ŝatata temo por ili.

VIENA, 1 - 8 AGOSTO 1970

Viaje organizado por la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto en colaboración con Viajes Meliá.

30-7-70 Por la mañana, salida de Madrid o Barcelona en avión "T" a Ginebra. Una hora más tarde, aproximadamente, llegada a Ginebra. Cena y alojamiento en el hotel.

31-7-70 GINEBRA. Media pensión en el hotel.

1-8-70 GINEBRA. Desayuno en el hotel. Por la mañana, salida en avión JET "T" para Viena. Dos horas y media más tarde, llegada a Viena. Cena y alojamiento en el hotel.

2-8-70 al 8-8-70 VIENA. Medias pensiones en el hotel.

9-8-70 VIENA. Desayuno en el hotel. Por la mañana, salida en avión de regreso a España. Con escala en Zurich, llegada por la tarde a Madrid o Barcelona.

Precio del viaje por persona en Hotel 1.ª B, habitación doble con baño:

| | | |
|---|---|---|
| De Madrid ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 18.910 | Ptas. |
| En habitación individual con baño ... ... ... ... ... | 20.976 | " |
| De Barcelona, en habitación doble con baño ... ... | 17.741 | " |
| En habitación individual con baño ... ... ... ... ... | 19.807 | " |

Inscripción e informes en la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto. Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

## EXCURSION TURISTICA A MIERES CON MOTIVO DEL 30 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

16-7-70 Por la mañana, salida de Zaragoza en autopullman hacia Bilbao, visitando VITORIA, donde se almorzará. Por la tarde, llegada a BILBAO. Cena y alojamiento en el hotel.

17-7-70 BILBAO. Desayuno en el hotel. Salida hacia Santander. SANTANDER. Almuerzo, cena y alojamiento en el hotel.

18-7-70 SANTANDER. Desayuno en el hotel. Salida hacia Mieres. MIERES. Cena y alojamiento en el Hotel "Ayala".

19-7-70 al 23-7-70 MIERES. Medias pensiones en el hotel.

24-7-70 MIERES. Desayuno en el hotel. Salida hacia Burgos, visitando LEON, donde se almorzará. BURGOS. Cena y alojamiento en el hotel.

25-7-70 BURGOS. Desayuno en el hotel. Salida hacia Zaragoza, visitando SORIA, donde se almorzará. Por la noche, llegada a Zaragoza.

Los hoteles y restaurantes de camino, serán de 1.ª B, en habitaciones con baño.

| | | |
|---|---|---|
| Precio de la excursión por persona en habitación doble... ... ... ... | 3.904 | Ptas. |
| Precio de la excursión por persona en habitación individual ... ... | 4.120 | " |

Informes e inscripción, en la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto. Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

Al igual que el viaje a Viena, esta excursión está organizada en colaboración con Viajes Meliá.




# XXXª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de Hispana Esperanto-Federacio

Okazonta en Mieres (Asturias)

de la 18ª ĝis la 23ª de julio 1970

Adreso de la Organiza Komitato:

Str. General Sanjurjo, 11 - MIERES

## PROGRAMA PROVISIONAL DE FIESTAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sábado, | 18, | 8 h. | Entrega de documentos en el Grupo Escolar "Aniceto Sela" (Kongresejo). Día libre para visitar la población y asistir a la fiesta en honor de los congresistas, que se celebrará en el barrio de la Villa y que terminará con una verbena en las altas horas de la noche. |
| Domingo, | 19, | 10 h. | Misa que será cantada por el coro de la Sección Femenina. |
| | | 11 h. | Apertura del Congreso en la Escuela de Maestría. |
| | | 12 h. | Recepción en el Ayuntamiento. |
| | | 12,30 h. | Vino de Honor en el Parque de Atracciones. |
| | | 17 h. | Competiciones deportivas en la Casa de la Juventud. |
| | | 20 h. | Concierto de Orfeones. |
| | | 23 h. | "Gaja Kunveno kun amuzaĵoj" en la Sala de Fiestas "El Palau". |
| Lunes, | 20, | 12 h. | Competiciones deportivas en la Casa de la Juventud. |
| | | 18 h. | Típica fiesta asturiana en el bucólico Valle de Valdecuna, con obsequio del clásico bollo y "espicha" de un tonel de sidra. |
| | | 23 h. | Función de teatro por aficionados de la localidad. |
| Martes, | 21, | 12 h. | Competiciones deportivas. |
| | | 20 h. | Concierto por la Sinfónica Provincial de Oviedo. |
| | | 22 h. | Banquete oficial. |
| | | 23 h. | Baile en el Casino, organizado en honor de los congresistas. |
| Miércoles, | 22, | 11,30 h. | Clausura del Congreso. |
| | | 12 h. | Competición de natación en la Piscina Sindical. |
| | | 20 h. | Función de teatro por aficionados. |
| | | 23 h. | Verbena en el Parque de Atracciones. |
| Jueves, | 23, | 7,30 h. | Salida de Mieres en excursión por la Costa Verde". |
| | | 10,30 h. | Llegada a Covadonga (misa). |
| | | 13 h. | Llegada a Ribadesella (comida) y visita a las Cuevas de Tito Bustillo. |
| | | 16,45 h. | Visita a la fábrica de sidra "El Gaitero", en Villaviciosa. |
| | | 19 h. | Visita a la Cámara Santa de la Catedral de Oviedo y a los monumentos de la capital. |
| | | 22,30 h. | Llegada a Mieres. |

TIP. C. BOLON.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 6